XIII[a] jaro. N° 186 (2) ☆ Monata ☆ 5 februaro 1916

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824.—Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1[a] de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

## TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

VIII

Resumo de la antaŭaj artikoloj: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. La ekzameno de kelkaj okazintaj konfliktoj. Diferenco inter pretekstoj kaj veraj kaŭzoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. Profitoj kaj malprofitoj de la almilito. La almilitado estas grava faktoro de la internacia anarkio. Oni do devas ĝin forigi, ĉar ĝi kontraŭstaras la progresadon de ĉiuj nacioj, kiuj kune estos pli prosperaj ĉe internacia ordo, ol sub la nuna reĝimo. Pri la praktika apliko de la principo je memekzisto. La propono pri reciproka garantio de la landlimoj; ĝiaj mankoj. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo; oni do unue celu al tiu ĉi.

La diversaj programoj ellaboritaj de la pacorganizaĵoj atentigas pri la neceseco de profunda *reformo de la diplomatio* en tiu senco, ke ĝi estu pli efike submetata je la kontrolo de la popolreprezentantoj.

En la minimuma programo de la Konsilantaro de la Internacia Pac-Oficejo staras la jena postulo: „Senkaŝa diplomatio. Nuleco de la sekretaj traktatoj kaj de ĉiuj konvencioj ne aprobitaj de la elektitaj popolreprezentantoj. Forigo kaj malpermeso de ĉia ataka aŭ defenda kunligo."

La programo de la Centra Organizaĵo por daŭra paco (Hago) petas, ke „la eksterlanda politiko estu kontrolata de la parlamentoj" kaj „la sekretaj traktatoj estu senvaloraj".

Tiuj proponoj respondas ne sole je la unuanima sento de la pacifistoj, sed ankaŭ al la deziroj de la popolamasoj, kiuj — kvankam malmulte influataj de la pacifistaj doktrinoj — prave suferas, ke la sorto de milionoj da homoj dependas de la malpublikaj agoj de kelkaj individuoj, kiuj facilanime traktas la vivon de la popolanoj. Estas nedubeble, ke, en preskaŭ ĉiuj landoj, la ekstera politiko estas la monopolo de malgranda klano, kiu, malmulte kontrolata, ĝuanta privilegian situacion kaj vastan agadliberecon, nerezisteble tendencas konsideri la diplomation kiel celon, ne plu kiel rimedon. La diplomatoj estas similaj al la profesiaj militistoj kaj al la pli multaj specialistoj. Allogate per la tekniko de sia laboro, ili ne plu perceptas ĝiajn ĝustajn rilatojn kun la aliaj partoj de la socia organismo kaj, pro manko de superrigardado, inklinas doni al ĝi troan gravecon.

Estas konstatinde, ke rilate al la kontrolo de la ekstera politiko, la „demokrataj" landoj ne staras en multe pli favora stato ol la „absolutemaj" monarkioj. En ambaŭ, la popolo restas tre malmulte informata pri la vera karaktero de la kontraktoj, akceptitaj de ĝiaj diplomatoj kaj ministroj en la nomo de la nacio.

Aliflanke, oni devas konfesi, ke en ĉiuj ŝtatoj ne sole la popolamasoj — kio ja estas klarigebla — sed ankaŭ la klera publiko kaj eĉ multaj politikistoj montras surprizigan nescion kaj evidentan mankon de intereso pri ĉio, kio rilatas al la ekstera politiko, krom en la okazoj, kiam ĝi rekte influas la internan politikon. Dum malgravaj faktoj interne de iu regno ofte elvokas pasiajn diskutojn kaj viglegan agitadon, okazintaĵoj tre gravaj rilate al la eksterlandaj okaz-

intajoj, kaj ričaj je konsekvencoj, estas tre malmulte atentataj de la publiko kaj de multaj politikistoj. Nur kelkaj malprofanoj scias taksi la ĝustan gravecon de tiuj faktoj.

Tiu indiferenteco je la grandaj problemoj de la mondpolitiko en la ordinara tempo havas la naturan efikon, ke ĝi ankoraŭ plie kreskigas la potencon de la diplomataj klasoj. Ĉar tiuj ĉi havas je sia dispono superajn informrimedojn kaj scias orientiĝi en la retaro de la diversaj politikaj kaj ekonomiaj interesoj, kiuj determinas la agojn de la nacioj, ili senpene povas trudi sian vidpunkton al anaroj malbone informataj kaj tro ofte indiferentaj pri demandoj, kiuj ŝajne ne prezentas tujan gravecon.

Cetere, la gvidantoj de la eksterlanda politiko kutimas meti la parlamentojn antaŭ plenumita fakto, tiamaniere, ke ĉi tiuj ne plu havas plenan juĝliberecon. En multaj okazoj, la parlamentoj restas sen preciza informiĝo pri la enhavo de gravegaj kontraktoj. Preskaŭ ĉiam la artikoloj de la ligtraktatoj estas sekretaj. Centmiloj da viroj oferas sian vivon, sekve de traktato, kies precizajn kondiĉojn konas nek ili, nek iliaj tiel nomataj „reprezentantoj".

Oni indignas kontraŭ tia reĝimo. Oni postulas la forigon de la sekretaj kaj konfidenciaj procedoj tiel ŝatataj de la diplomataro; oni volas la publikecon kaj la kontrolon de la ekstera politiko. La realigo de tiuj postuloj ŝajnas, el la vidpunkto de la pacamikoj, treege dezirinda, sed ĉu tiaj reformoj estas efektivigeblaj en la sistemo de la suverenaj ŝtatoj kaj de la internacia anarkio?

Tie staras la vera demando. Se estas pruveble, ke la supre mallaŭdataj procedoj de la diplomatio estas neapartigeblaj de la internacia reĝimo mem, sekvos, ke tiujn procedojn oni nur povos reformi, ŝanĝante la sistemon, kies natura produkto ili estas.

Nu, se ni serĉas trapenetri la esencon de la diplomata funkcio, ni ja estos devigataj konstati, ke en la nuna ŝtatsistemo, la diplomatoj ne facile povas uzi aliajn procedojn, ol tiujn ĝis nun aplikitajn.

Tiuj procedoj cetere ne ŝanĝis de la unuaj jarcentoj de l' historio. La diplomato reprezentas interesojn, pli ol rajtojn fiksitajn kaj rekonitajn. La naturo de lia misio trudas al li en la agado certan konduton, el kiu li ne povas deflankiĝi sen danĝero. La sekretaj traktadoj kaj la rilata sintenado devenas el tre simplaj psikologiaj necesajoj: Kiam ni volas atingi rezultaton kontraŭan je la interesoj de alia, ni pli facile sukcesas, se la kontraŭulo ne klare scias pri niaj propraj intencoj kaj, konsekvence, ne povas ĝustatempe agi por malhelpi la realigon de niaj projektoj. La defendado de interesoj ne ankoraŭ transformitaj en rajtojn do ofte postulas, ke oni uzu malpublikajn procedojn, tial ke la sekreto, kiu ebligas la surprizon, estas grava faktoro de sukceso, tiel politike kiel militiste. Tiu necesajo neapartigebla de la batalado por la vivo cetere ne estas limigata je la politika kampo. En la ekonomiaj rilatoj, inter individuoj aŭ grupoj, ne malofte okazas, ke la silento estas nepra kondiĉo de sukceso. Ĉie, kie estas senlima konkurenco, sin trudas la sekreto en la preparado de la decidigaj agoj, se ne ĉiam, almenaŭ multokaze. La lertulo ĝuste scias taksi, kie la sekreto devas esti konservota kaj kie, male, estas pli profite tuj montri al sia kontraŭulo ĉiujn kartojn de la propra ludo. Makiavela politiko? Eble, sed oni ne forgesu, ke al tiu politiko spontane aliĝas la individuoj, ĉu en la privataj ĉu en la publikaj rilatoj, ĉiufoje kiam estas antagonismo de interesoj, pri kiuj povas decidi neniu supera potenco. Ni scias, ke la nacioj estas unu rilate al la alia en anarkia stato. La sistemo, en kiu ili moviĝas, tute bazas sur la konkurenco kaj la batalado. Neniu supera instanco ekzistas por solvi la intereskonfliktojn. En tiu sistemo la kunlaborado estas escepta kaj kontraŭa je la spirito mem de la sistemo; kunlaborado postulas organizon, sed la nuna naciaro estas la bildo de la senorganizo kaj malordo.

Tial oni ne miru, ke en tiaj kondiĉoj la diplomatio estas devigata agi laŭ primitivaj instinktaj procedoj, ĉar ĝi ne povas defendi la interesojn, kiujn ĝi reprezentas, antaŭ supera aŭtoritato. Nur transformiĝo de la internacia ŝtatsistemo, t. e. la starigo de interŝtata organizo (federacio) havus la neeviteblan efikon transformi la diplomation, ĉar la *funkcio* mem de la diplomatio devus ŝanĝi kune kun la internacia reĝimo. Kiam la asocio de la civilizitaj popoloj estos fondita sur la firma fundamento de kelkaj jurprincipoj komune akceptataj, kaj kapablos certigi al ĉiu ŝtato la sekurecon kaj la eblecon de paca progresado sub la protekto de la internacia leĝo, kiam, per aliaj vortoj, ekzistos jura rimedo por solvi la intereskonfliktojn, la politika rolo de la diplomatio fariĝos pli malgrava; ĝi tiam havos precipe administran kaj ekonomian karakteron, sed ne plu havos en la manoj la destinon de la popoloj.

Same kiel la problemo de la armadoj, la problemo pri la reformo de la diplomatiaj procedoj dependas de la granda demando pri interŝtata ordo. Nenia serioza kaj daŭra plibonigo estas atingebla tiel longe, kiel oni ne forĵetis la sistemon de la internacia anarkio. Ŝtatligo (federacio) estas la unua necesajo; ĝi ne estas la lasta celo atingota, sed kontraŭe la nepra kondiĉo de ĉia reorganiziĝo.

Ĉiu empiria parta reformo pri ekstera politiko, *provata en la nuna ŝtatsistemo,* havas tiun apartan econ, ke ĝi plej ofte malutilas unue al la reformema nacio mem. Efektive, ĉia regno, kies ekstera politiko estus submetata al konstanta parlamenta kontrolo devus fakte rezigni ĉian aktivan rolon (escepte se la kontrolo ekzistas nur sur la papero), tiel ke ĝi ne plu povus favore konkurenci la aliajn ŝtatojn. Ĉar tiuj lastaj ne submetus siajn planojn al ŝanĝema opinio kaj al la parlamentaj disputoj, ili havus la profiton metode kaj kontinue labori por difinita celo, ne riskante la kritikojn kaj kontraŭagojn de tiuj politikistoj, kiuj scias vidi nur tujajn interesojn, sed ne estas kapablaj preterrigardi kaj formi vastajn jarbezonajn planojn. En reĝimo, kiu bazas sur liberega konkurenco kaj batalado, estas tiel danĝere por la nacia sekureco enmiksi la parlamenton en la agadon de la diplomatio kiel en la militistajn operaciojn. Ambaŭ taskoj postulas kompetentecon, kontinuecon, decidrapidecon kaj la konservadon de l' sekreto, dank' al kiu estas ebla la surprizo, notinda elemento de la sukceso. Krom tio, deputataro povas sagace decidi, nur se ĝi estas plene informita. Nu, informi parlamenton pri aferoj tre delikataj kaj gravaj je la vidpunkto de la nacia sekureco, dum la kontraŭulo agas tute malsimile, fakte favorigas tiun lastan. La sistemo de la interŝtata anarkio estas tiel kombinita, ke kio en si mem estas laŭdinda kaj morala, estas en la realeco malprofita, tiel ke ofte la uzanto de la plej senskrupulaj kaj nelojalaj procedoj venkas, almenaŭ ĝis la aliaj elementoj unuiĝas kontraŭ ĝi.

En la privata vivo, la morale mallaŭdindaj agoj ne estas ĉiam punataj kaj, malgraŭ la libroj, la virto ne estas ĉiam rekompencata. Sed, almenaŭ la rompantoj de la leĝo estas persekutataj, kaptataj kaj kondamnataj. En la kampo de la internacia politiko, tia stato ne ekzistas. La nacioj, kiuj plenumas agojn malmoralajn aŭ krimajn, ne estas sisteme punataj; ili eĉ ofte trudas sian volon. Internacia moralo kaj interŝtata anarkio estas konceptoj neakordigeblaj.

Responde al tio, oni asertos, ke la principo mem de la parlamenta kontrolo de l' ekstera politiko devos unue esti solene formulata per internacia konvencio. Poste, ĉiu ŝtato mem alprenos la necesajn decidojn por ĝin apliki. Ni momente allasu tiun sugeston, kaj, tuj, ni troviĝos denove antaŭ ĉiuj malfacilajoj propraj je la ĝisnuna pacifismo. Krom tio, ke la diverseco de la naciaj konstitucioj kaj la neegala

demokrata disvolviĝo de la civilizitaj ŝtatoj malfaciliĝas la starigon de unuforma kontrolo — kio tamen estus necesa por eviti la interpretmalkonsentojn —, restas la demando, kiamaniere oni agos rilate al la ŝtatoj, kiuj aŭ tute ne aŭ ne kontentige aranĝos tiun kontrolon. Ĉu la aliaj regnoj silente konsentos, aŭ ĉu ili agos por respektigi la juron, kaj kiel? Jen estas la eterne sama demando pri la sankcio. Aŭ oni ĝin ne solvos, tiel ke la internacia asocio havos pure moralan bazon, aŭ oni ĝin solvas, kaj tiuokaze internacia forto estas necesa, sekve interŝtata organizo.

Parlamenta kontrolo, konforma al la propono de la pacifistoj, estas, jam nuntempe, realigebla en lando, kies eksterlanda politiko estas neaktiva aŭ estas superregata de la principo pri neŭtraleco konstanta. La pli multaj landoj ne estas en tia situacio. Sed, ĉu oni ne povas imagi internacian sistemon, ĉe kiu la ŝtatoj, restante sendependaj kaj suverenaj, memvole rezignus je ĉia ekstera politika rolo kaj fariĝus neŭtralaj nacioj, kiel ekzemple nun Svisujo? Tiu ideo ŝajnas alloga, sed realigebla ĝi ne estas. Kiel ŝtato fariĝas neŭtrala? Du okazoj estas eblaj: Aŭ la konstanta neŭtraleco estas trudata de aliaj regnoj por ilia propra intereso (ekzemple: Belgujo), aŭ ĝi estas libere konsentata de la koncerna ŝtato mem, kiu konsideras ĝin kiel elementon de sekureco kaj paco (ekzemple: Svisujo). La unua okazo realiĝas nur rilate al malgrandaj nacioj en tute specialaj cirkonstancoj. La dua sistemo estus imitebla nur tiam, kiam la nacioj estos unu fojon por ĉiam kontentaj je la teritoria *statu quo*, kaj ne plu deziras ian plivastiĝon. Nu, ĝuste tio ĉi ne ekzistas kaj ne ekzistos tiel longe kiel la problemoj pri nacieco (gento), ekspansio, kolonioj, el kiuj devenas la modernaj militoj, ne estos solvitaj konforme al kelkaj juraj reguloj akceptataj de la publika opinio. Por fiksi tiun juron, interŝtata organizo *unue* estas necesa. Proponi, ke ĉiuj ŝtatoj fariĝu neŭtralaj, signifas, ke oni supozas la pacproblemon jam solvita.

Ĉio supre dirita pri la kontrolo de la eksterlanda politiko ankaŭ aplikiĝas pri la proponita malpermeso de la sekretaj traktatoj aŭ, ĝenerale, de ĉia ligtraktato defenda aŭ ataka. Tie ĉi ankaŭ, nenia serioza reformo ŝajnas ebla ĝis kiam ekzistos ŝtatligo kapabla efike garantii la sekurecon de la ŝtatoj, el kiuj ĝi konsistas. Se iuj regnoj ligiĝas per traktato, tio ĝuste okazas, ĉar izole ili ne povas per sia propra forto certigi sian vivon kontraŭ la regnoj, kies politikaj interesoj estas kontraŭaj.

Dum la ŝtatoj restas apartaj organismoj, tute sendependaj, estas neeble malpermesi al la malfortuloj unuiĝi kontraŭ la fortaj, kaj al la fortuloj serĉi novajn apogojn por konservi ilian superregadon.

Cetere, oni ne forgesu, ke, laŭ la cirkonstancoj, du nacioj povas kunigi siajn armeojn, eĉ se ne ekzistas formala ligtraktato. La komuneco de la politikaj interesoj sufiĉas. Reciproke, regula traktato ne multe valoras je la danĝermomento, se ĝi ne plu respondas al reala interesidenteco. Kiajn estas ĝia enhavo, ĉiam troviĝos komplezemaj juristoj, kiuj penos pruvi, ke pro tia aŭ alia detalo, vera aŭ nur versimila, ĝi ne estas aplikebla ĉe tiu okazo.

En kelkaj pacifistaj skribaĵoj, oni legas, ke la politiko de la ligtraktatoj kaj ligsistemoj estas kaŭzo de la plivastiĝo de l' nuna konflikto. Sed kiu ne vidas, ke tiuj ligoj estas tute konformaj al la logiko de la nuna anarkio sistemo? Tute nature, la principo de ekvilibro estas la sola relativa pacgarantio. Fakte, la politiko de la ligtraktatoj estas malnovega, kaj estas nenio alia ol apliko de la ideo pri asocio. Anstataŭ malpermesi la ligtraktatojn kaj fari el la ŝtatoj sendependajn unuojn, oni kontraŭe celu al tio, ke ili ĉiuj formu unu solan ligon, pli bone organizitan kaj pli firman ol la nuntempaj partaj ligoj.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

---

 SOCIA VIVO 

## Pri ŝtata perado por paco

Pro la longa daŭro de la milito ĉiam pli multaj voĉoj aŭdiĝas, kun la sugesto, ke Svislando aŭ alia neŭtrala ŝtato oficiale proponu siajn bonajn servojn por peradi la pacon. Ĉar nia gazeto diversfoje raportis pri tiu movado, ni kredas utile ankaŭ publikigi la suban deklaron de la svisa registaro. Estas laŭ nia scio la unua ŝtata dokumento pritraktanta la pacan demandon, kaj, ĉar ĝi devenas de registaro, kiu estas en multaj kaj bonaj rilatoj kun ĉiuj aliaj ŝtatoj, estas supozinde, ke la deklaro bazas sur speciale valoraj informoj.

Dum aŭtuno 1915 la socialista deputato, S-ro Greulich kaj aliaj adresis al la registaro la jenan demandon: „Ĉu la svisa registaro intencas sole aŭ kun la registaroj de aliaj neŭtralaj landoj proponi siajn bonajn servojn al la militantaj ŝtatoj por baldaŭa interkonsento pri haltigo de la milito kaj la preparo de pripacaj traktadoj?"

La 22 decembro, en parlamenta kunsido, la Federala Konsilanto Hoffmann legis en la nomo de la registaro la jenan deklaron:

„Ni komprenas la profundan bezonon je paco, kiu estas sentata en nia popolo, kaj ni partoprenas en la dezirego je baldaŭa finiĝo de la plej terura milito, kiun konas la historio. Nia lando, kvankam ĝi estas indulgata de la milito mem, terure suferas pro ĝiaj sekvoj. Cetere estas nek sole, nek unuavice nia propra intereso, kiu vekas la varmegan deziron al paco; ni aspiras ĝin el pure humana sento, vidante la nepriskribeblan malfeliĉon, kiun kaŭzas la milito, la vundojn, kiujn ĝi alportis, la senkompatan detruadon faritan kontraŭ kulturo, pri kiu antaŭe ni estis tiel fieraj.

Ni respektas do la sentojn, el kiuj devenis la interpelacio, kaj volonte rekonas la moderan kaj humanan pravigon de la interpelaciantoj.

Tamen, rilate al tio, ke oni celas alkonduki senperan agadon de la Federala Konsilantaro, ni devas fari limigajn kondiĉojn. Tia agado estus sensukcesa jam de la komenco kaj almetita je malfavora prijuĝo tiel longe, kiel en la militantaj landoj la deziro al paco ne estas sufiĉe forta, por ke la publika opinio povu mem kaj sen eksterlanda enmikso venki la kontraŭajn tendencojn, kiuj sin pravigas per la ĝisnunaj okazintaĵoj. Ĝis tiu ŝanĝo estos efektiviĝinta, ĉiuj provoj de fremdlanda agado falos ne nur sur nefrukteman teron, sed ili estos eĉ konsiderataj kiel malagrabla, ne amika enmikso, kaj povos malutili tiel al la paca afero kiel al la internaciaj rilatoj.

Dependa de persona kredo estas la prijuĝo, ĉu en la publika opinio de la militantaj ŝtatoj tiu prepara laboro jam forte komencis kaj atingis sufiĉan rezultaton. La Federala Konsilantaro konsideras, ke ĝis nun tio ne okazis. Oni komprenos, ke en tiu loko (la parlamento) ĝi ne povas klarigi la motivojn, kiuj ĝin kondukas al tia taksado de la cirkonstancoj.

Sed ni volonte certigas vin, ke kun la plej vigla atento ni sekvas la disvolviĝon de la aferoj kaj sentus nin tre feliĉaj, se nia malgranda lando, portita de la simpatioj, kiuj unuigas ĝin kun la militantaj ŝtatoj, fidela al sia tradicia neŭtrala sintenado kaj en plena neprofitemo, povus helpi eĉ nur en modesta maniero, por alkonduki la daŭran pacon, kiun ni ĉiuj deziras."

La interpelaciantoj deklaris sin kontentaj pri la respondo.

Trad.: *Ed. St.*

## La lernejoj por vunditoj en Germanujo kaj Francujo.

„Ne plu ekzistas kriplulo, se la kriplulo mem havas la firman volon labori."

Ĉar de la komenco de la milito mi ofte okupiĝis pri la serĉado de vunditoj kaj malaperintoj, kaj ankoraŭ akompanis vagonarojn de gravevunditoj, mi ofte estis atentigita je la estonteco de tiuj miloj de junuloj fariĝintaj, ŝajne, nekapablaj laborgajni sian vivon.

Ekzistas ja la militistaj rentoj: en Germanujo 540 markoj por la simpla soldato kaj 900 markoj por la serĝent-majoro; plie 27 markoj monate por la perdo de mano, de piedo, de la parolo aŭ de la aŭdado, kaj 54 markoj por la blindeco. En Francujo la rentoj estas proksimume samaj kun minimumo de 750 frankoj.

Estas demandinde, ĉu tiuj monhelpoj sufiĉas por forpeli ĉiun zorgon pri la estonteco, precipe se la kriplulo havas familion. Ĉiuokaze oni ne povas pli bone utili al familio, resendante al ĝi en kiel eble plej bona stato tiun, kiu estas helponta ĝin. Krom tio ĉiu invalido sin sentos multe pli bone se li povas mem helpi siajn samfamilianojn, ol se li devas vivi el modesta rento aŭ, pli malfrue, kiel kolportisto almozpeti en la stratoj aŭ movi la turnilon de gurdo.

Je la socia vidpunkto la afero estas ankaŭ grava. Ĉiu kriplulo, kiu ne povas laborgajni, estas ŝarĝo je la publika kaso de helpado al la malriĉuloj kaj ĉiujare kostas multe da mono. Se, anstataŭ tio, li mem gajnas, la ĝenerala riĉeco plialtiĝas en grandega proporcio.

Ĉar dank' al la afabla perado de la germana kaj franca ambasadorejoj en Bern, mi lastan someron povis viziti kelkajn kaptitejojn en Germanujo kaj Francujo, mi uzis la okazon por viziti kelkajn ambulancojn kaj kelkajn lernejojn por vunditoj en ambaŭ landoj.

Jam dum ilia restado ĉe la hospitalo, tiel en Francujo kiel en Germanujo, la pensoj de la vunditoj direktiĝas al la fakto, ke estos al ili eble retrovi laboron kaj vivi el propra gajno. Kompreneble oni nenion deprenos el ilia rento, sed oni volas doni al ili la eblon ion aldoni por plibonigi iliajn vivkondiĉojn.

Por pli bone atingi tiun celon kaj por doni al la vundito la okazon perfektiĝi pri lia metio aŭ pristudi novan fakon, lernejoj por vunditoj estis fonditaj en Francujo kaj Germanujo. En Germanujo, jam de okdek jaroj, ekzistas „hejmoj por kripluloj"; estis 54 kun pli ol 5000 litoj. En multjara laborado la „germana societo por la helpado al la kripluloj" celis igi la kriplulojn (naske aŭ akcidente) kapablaj laborgajni, ĉu resaniĝante, ĉu lernante metion. Oni kompreneble uzis ĝiajn spertojn nun, kiam la milito kripligas milojn da viroj.

La urbo Düsseldorf uzis siajn multajn kaj diversajn laborejojn kaj ekzercejojn de siaj artmetiaj lernejoj por la servo de la vunditoj. Pluraj aliaj urboj sekvis tiun ekzemplon.

En Lyon ankaŭ, du publikaj konstruajoj estis uzitaj sammaniere kun ĉiuspecaj laborejoj por kripluloj: por mekanikistoj, seruristoj, lignajistoj, ŝuistoj, tajloroj, bindistoj, k. a.; similaj lernejoj ekzistas nun en Parizo kaj Marseille.

En ambaŭ landoj la unua leĝo estas, ke laŭeble la vundito retrovu laboron en sia malnova ofico kaj en sia patrolando. Kiu laboris en la minoj restas ĉe la minoj, kiu prilaboris la ledon aŭ la lignon prilaboros la ledon aŭ la lignon, sed oni elektos en lia metio pli facilan laboron. Se la daŭrigo de la antaŭa metio prezentas nesupereblajn malfacilajojn, la vundito trovos en tiuj lernejoj la okazon lerni analogan laboron, kiu permesas utiligi la jam akiritajn konojn. Ekzemple, skulptisto povus faceti aŭ glatigi surfacon, buĉisto sin okupus pri vendado aŭ funkcius kiel inspektisto. Kompreneble oni antaŭkalkulas, ke la mastroj akceptos kiel honordevon remeti en iliaj antaŭaj situacioj la virojn, kiuj estis kripligitaj.

Tiel en Germanujo kiel en Francujo okazis fundamenta ŝanĝo en ortopedio. Antaŭe oni donis al la kriplulo, por anstataŭi la manon aŭ la brakon, nur senfortan kaj senvivan imitaĵon de la perdita membro, precipe por estetika celo. Nun oni donas al li praktike konstruitan aparaton, per kiu li povas teni; ĝi laŭeble estas adaptita al la antaŭa aŭ al la nova okupado de la vundito.

Grava diferenco estas, ĉu iu perdis la tutan brakon, aŭ ĉu nur parton de la antaŭbrako. Per brakparto oni povas multon fari. Oni provizas ĝin per leda maniko kun aperturo, je kiu oni povas fiksi diversajn instrumentojn. Ekzemple, ringo aŭ kroĉo ebligas, en la kamplaboroj, uzi balailon, forkon, falĉilon, servas ankaŭ por porti sitelojn aŭ verŝilojn, aŭ ebligas utiligi la ĉizilon kaj la borilon. Per tiu aparato la kripla mano kondukas la helpan ilon, dum la sana mano plenumas la laboron, kiu postulas malsaman forton.

Por la manĝado la aparato povas esti provizata per kuleringo aŭ tranĉilingo. Ĉe la „Floralazarett" en Düsseldorf mi vidis tre praktikajn ferajn artefaritajn brakojn kun moveblaj artikoj en formo de bulo (la kubuto kaj la manradiko), dank' al kiuj tre ekzaktaj mekaniklaboroj estas fareblaj. Mi vidis senbrakigitajn vunditojn, kiuj eksterordinare helpis al si per artefaritaj brakoj; ili manĝis, trinkis, sin lavis, sin viŝis, sin vestis kaj malvestis, kontentigis siajn bezonojn, skribis, fermis kaj malfermis pordojn, eĉ ekbruligis siajn cigarojn. En tiuj kriplulejoj kelkaj vunditoj fariĝis veraj virtuozoj kaj nun servas kiel instruantoj al la amputitaj militistoj.

La aparatoj anstataŭantaj la piedojn, la krurojn kaj la femurojn estas tre perfektigataj. La malnova formo, ĉe kiu oni genuapogis sur la ligna kruro ne plu estas uzata: oni havas lignajn krurojn kun la artikigita genuo, aŭ la artefaritan kruron kun la artikigita genuo kaj la piedo, laŭ la deziroj kaj la cirkonstancoj.

Mi vidis amputitojn kun tiaj lignaj kruroj, kiuj daŭrigis sian profesian laboron kiel ministo, kamplaboristo, lignajisto, seruristo. Mi vidis ĉarkondukistojn, kiuj marŝas flanke de sia ĉaro, supreniras kaj malsupreniras dum la marŝado; aliajn portis barelojn, ilin ŝarĝis kaj malŝarĝis.

Mi eĉ vidis iujn, kiuj bicikletiras: la artefarita kruro kuŝas sur speciala portilo, dum la sana kruro funkciigas la pedalon. Ĉe Lyon'a hospitalo, Profesoro Nové-Josserand montris al mi kelkajn amputitojn, kiuj staras sur du lignaj kruroj, marŝas tre bone sen bastono, eĉ supreniras ŝtuparojn kaj algrimpas ŝtupetarojn, preskaŭ tiel bone kiel nevunditoj. La aparatoj anstataŭantaj la piedojn kaj la krurojn estas nuntempe tiel perfektigitaj, ke homo volema, perdinte kruron, povas trovi variajn okupojn, kaj post kelktempa ekzercado, sufiĉe libere moviĝi.

Oni eĉ citas germanan kapitanon, kiu, amputite je la maldekstra femuro en oktobro, eniris en tian instituton dum decembro; li unue faris provojn de rajdado sur ligna kruro kaj jam la 28 decembro estis preta por denove militservi.

Inter la plej teruraj vundoj, bedaŭrinde tre oftaj pro la tranŝemilitado, oni devas citi la vundojn ĉe la kapo kaj precipe ĉe la makzelo. Por tiu flegado oni instalis, en Germanujo kaj en Francujo, specialajn ambulancojn kun la helpo de la dentistoj. Abomenaj vundoj, ĉe kiuj la nazo, la mentono, la suba makzelo estis forportitaj; restas nur truoj, tra kiuj oni preskaŭ povas vidi la stomakon. Oni devas vidi tiujn malfeliĉulojn, kiuj estus al si mem mizeraĵo kaj al sia ĉirkaŭantaro naŭzigaĵo, por kompreni la grandajn bonfarojn

**de la dentarta tekniko. Ne sole oni rekunigas la rompitajn ostpecojn kaj ilin fiksas en ilia normala pozicio — kio tre rapide ebligas denove maĉadi —, sed anstataŭante artefarite la makzelostojn kaj la mankantajn partojn de la vizaĝo, oni realigas miraklojn. Oni prenas la haŭton de l' kolo por fari novan buŝon. Oni faras provizorajn makzelojn per tabuletoj el zinko aŭ el paladio kaj ferfadeno, kaj pli malfrue oni anstataŭas la mankantajn ostojn de la makzelo per ostopartoj prenitaj ĉe la tibio.**

En Lyon oni prezentis al mi suboficiron, demandante, ĉu mi nenion rimarkas en lia vizaĝo. Mi vidis tute nenion, kaj tamen li havis artefaritan nazon el gelateno, kies randoj estis algluitaj je la vizaĝo per araba gumo. Li povis purigi la nazon, kiam li volis, kaj ĝin forpreni en okazo de difektiĝo. Sabaton li banis ĝin en varma akvo por ĝin purigi kaj fandi, verŝis la fanditan gelatenon en gipsan muldilon kaj remetis novan nazon dimanĉon matene.

La nombro kaj la forto de la mortigaj pafajoj disvolviĝis en terura maniero dum la lastaj jardekoj, sed ankaŭ la progresoj de la ĥirurgio, mekanoterapio kaj ortopedio estas grandegaj. La nombro de la amputoj estas proporcie malpli alta ol antaŭe. Oni faras miraklojn per la kudrajoj de tendenoj kaj nervoj, la transplantoj, la dentaj protezoj kaj la artefarita anstataŭo de la perditaj membroj.

Ne plu malesperu, kiu perdis membron pro la batalado por la patrujo aŭ pro akcidento. La arto de la kuracisto kaj de la bandaĝisto liveras al li gravegan helpon. Dank' al tio, estas tre eble, kun bonvolo, plenumigi al la kriplulo ĉiujn agojn de la ĉiutaga vivo sen helpo, igi lin sendependa de lia ĉirkaŭantaro kaj plialtigi liajn enspezojn, aldonante la laborgajnon al la militista pensio aŭ al la rento pro akcidento.

*D-ro Guglielminetti.*
Trad.[1]: *A. R.*

## La skribo de la blinduloj

Inter ĉiuj oferoj, kiujn la mondmilito postulis kaj ankoraŭ postulas, estas speciale bedaŭrindaj la personoj, kiuj oferis la plej valoran homan posedaĵon, la lumon de la okuloj. Gravega do estas la tasko havigi al tiuj senlumuloj kontentigan laboron, kiu certigas al ili ekziston kaj fortigas ilian animon, por ke ili povu elporti sian sorton. Tamen same grave kiel la ekonomia garantio estas, ke al ili, kiuj por ĉiam estas eksigataj el multaj ĝuoj de la vivo, oni malfermu plej larĝe la riĉajn trezorojn de la scienco, literaturo kaj muziko.

Dum en antaŭaj epokoj oni simple lasis la blindulojn al la ĝenerala kompato, oni komencis de la fino de la XVIII^a^ jarcento pli kaj pli ilin instrui laŭ certa plano. En 1784 la unua blindula skribmaniero estis eltrovita, post kiam de kelkaj jardekoj multaj provoj estis faritaj. Inter ili ekzemple oni konas la metodon de la „blinda Jakobo“, kiu konsistis el lignaj bastonetoj kun entranĉoj, malsamaj por ĉiu litero. Cetere tiu ĉi, kiel aliaj provaĵoj, ne estis ĝenerale uzeblaj, sed ili montras, kun kia peno la malfeliĉuloj klopodis trovi sistemon por partopreni je la intelekta vivo de la vidantoj. La skribmaniero de 1784 konsistis el la kutima alfabeto, kiu estis reliefe presita sur dika papero. La unua tia libro aperis en 1786 dank' al Valentin Hauy, la fondinto de la unua blindulejo en Parizo.

La fondinto de la germana flegado de blinduloj estas Wilhelm Klein, kiu aperigis je 1811 en Vieno la unuan germanan blind-libron, laŭ metodo de li mem eltrovita. Estis ankaŭ kutima alfabeto, reliefe presita; nur la reliefo de litero, ekzemple de I, ne plu konsistis el linio, sed el reliefaj punktoj ⁝, kiujn blindulo povas pli bone palpi per la fingroj. La punktojn oni faris trapikante la paperon per pinta ilo. Ambaŭ sistemoj havas la gravan malprofiton, ke ili uzas la kutimajn literojn, kies komplikaj formoj estas tre malfacile rekoneblaj per palpado.

Por tion eviti oni kreis en Britujo specialajn alfabetojn, kun signoj pli taŭgaj por la palpado, el kiuj la sistemo Moon Brighton konserviĝis ĝis hodiaŭ.

La veran vojon trovis Louis Braille, kies genia ideo meritas esti komparata al tiu de alia bonfaranto de la homaro, al Zamenhof. Naskita la 4 januaro 1806 kaj blindiĝinta je sia tria jaro, Braille venis kiel dekjara junulo en la Parizan blindulejon kaj tie konatiĝis kun skribmaniero per punktoj, kiujn kelkajn jarojn antaŭe trovis Charles Barbier. Por unu sola litero estis ofte necesaj pli ol dek punktoj. La junulo, kiu poste fariĝis instruisto ĉe la instituto, multe pripensis plibonigojn kaj fine ektrovis, ke per kombino de nur ses punktoj povas esti reprezentata la tuta alfabeto kaj ĉiuj nombroj, signoj k. t. p. Pro sia klareco la sistemo de Braille estas pli facile lernebla ol iu alia, povas esti bone legata de blindulo kaj taŭgas por ĉiuj alfabetaj lingvoj. La plena punktaro estas: ⠿. La dek unuaj literoj estas sur la du supraj linioj, ekzemple **a**: ⠁, **j**: ⠚. La dek sekvantaj konsistas el la samaj signoj plus maldekstra punkto sur la tria linio: **k**: ⠅, **t**: ⠞. La tria dekono havas du punktojn sur la tria linio: **u**: ⠥, **ŭ** (el la vico de la supersignitaj literoj): ⠬. La kvara dekono, pliaj specialaj literoj, havas dekstran punkton sur la tria linio: **â**: ⠡, **w**: ⠺. Poste venas signoj de interpunkcio, samaj kiel a-j, sed sur dua kaj tria linio: **,** = ⠂, **"** = ⠦. La ciferoj egalas al la unua dekono de literoj, la matematikaj signoj al la dua, sed oni metas antaŭ ili la punktaron ⠼, kiu signifas „matematiko“. (La malgrasaj punktoj, en la ekzemploj, montras la malplenajn lokojn.) Krom la montritaj, multaj aliaj signoj povas esti kombinataj. Plie Braille eltrovis ankaŭ similan sistemon por la muziko.

Vidanto lernas flue legi la punktsistemon en kelkaj semajnoj. Malpli facila estas la skribado. Sur metalan breton kun engravuritaj linioj oni metas dikegan paperon, kaj el ĝi oni reliefigas la punktojn per ŝtala grifelo. Oni devas do enpremi la grifelon sur la malbona flanko de la papero kaj skribi la punktojn en kontraŭa ordo, por ke ili aperu korekte sur la alia flanko. Speciala krado kaj sistemo de liniiloj helpas trovi la ĝustan lokon kaj rekte skribi. La blindulo legas kutime per la dua fingro de ambaŭ manoj, tiel ke la dekstra fingro kvazaŭ preparas la komprenon, kaj la maldekstra legas, tute kiel ni faras kun la okuloj. Laboristoj kun malmola haŭto sur la fingroj devas uzi la kvaran aŭ kvinan kaj bezonas pli multe da tempo por sin alkutimigi je la palpado. Post sufiĉa ekzercado, duona ĝis plena jaro, laŭ la kapabloj, blindulo povas tiamaniere legi same rapide kiel vidanto, sen iuj malfacilaĵoj. Malgraŭ ĉio unu grava kaj ne forigebla malhelpo kuŝas en tio, ke la reliefaj literoj bezonas multan lokon, tiel ke la libroj por blinduloj estas treege grandaj kaj multekostaj. Ekzemple romano, kiu en la originalo konsistas el du volumoj kun entute 980 paĝoj, estas en Brailla skribmaniero verko de 24 grandaj libroj. Tial oni ankaŭ eltrovis sistemon de stenografio por blinduloj, uzebla de la plej lertaj inter ili. Same ekzistas skribmaŝinoj kombinataj por skribi la punktan kaj la ordinaran alfabeton.

La sistemo Braille estas nuntempe akceptata en preskaŭ ĉiuj landoj. Feliĉe por la blinduloj la profesiaj plibonigistoj ne ankoraŭ trovis la vojon al ili; estus ja bela okazo „akcepti la sistemon principe“ kaj postuli en la nomo de la sankta scienco kaj internacieco, ke oni ŝanĝu ĉiujn detalojn. La mirindaj spertoj, kiujn oni faris per la senŝanĝa uzado de tiu mirinda eltrovaĵo, kiu al la blinduloj redonas scion kaj

[1] El „*Journal de Genève*“.

ĝojon, estu ekzemplo por similaj movadoj. Novaĵo en la fabrikado de la libroj estas, ke oni sukcesis ilin presigi; la punktoj estas pli regulaj, do pli bone palpeblaj kaj, plej grave, oni povas duonigi la amplekson, uzante ambaŭ flankojn de la folioj. Inter du linioj de reliefa teksto de unu paĝo la presmaŝino reliefigas unu linion de la kontraŭa paĝo, procedo ne atingebla per manlaboro. Malgraŭ tiu plibonigo, la libroj restas grandaj. La Evangelio de Johano ekzemple, ambaŭflanke presita, havas 101 paĝojn da 25/35 cm; la bindita volumo estas 7 cm dika kaj pezas 1850 gramojn. Ĉar tiuj presitaj libroj estas multekostaj, la manskribitaj libroj estas kaj restos ankoraŭ longan tempon la ĉefa trezoro de la blindulejoj. Faras la librojn parte la blinduloj mem kaj parte vidantaj personoj, kiuj ilin donacas. Tiu fabrikado de libroj por blinduloj estas okupo agrabla, sprita kaj treege utila. La personoj ne sciantaj kiel pasigi la tempon, precipe la nemobilizitaj sinjoroj kiuj dum multaj horoj legas gazetojn flanke de edzino trikanta ŝtrumpojn por la soldatoj, povus helpi al malfeliĉuloj, se ili entreprenus tiun nesufiĉe konatan laboron. Klarigoj kaj ilaro estas facile haveblaj ĉe la estro de ĉiu blindulejo. Fine ni atentigas, ke dank' al la klopodoj de S-ro Cart kaj de liaj kunlaborantoj en diversaj landoj la Esperanto-movado bone progresas inter blinduloj. Pro la alta valoro de la libroj estas speciale grava la unueco de lingvo, kiu permesas, ke sciencaj kaj aliaj ne tute popularaj verkoj estu skribataj laŭ Brailla metodo kaj dissendataj inter kleraj blinduloj de unu lando al alia. Tiun Esperantan celadon inter blinduloj, kiu estas reprezentata per kelkaj libroj kaj per gazeto regule aperanta, ni varme rekomendas.

*Ed. St.*

# ❀ NOTOJ ❀

∴ **Informejo de la militkaptitoj.** — La Ruĝkruca Informejo de la militkaptitoj en Ĝenevo aperigas de januaro 1916 bultenon (franclingve), kiu enhavas, en konciza formo, ĉiujn informojn, kiuj povas interesi la familiojn de civil- aŭ militkaptitoj.

El la N-ro 1 ni eltiras la jenajn informojn, kiuj prezentas ĝeneralan intereson:

*Korespondado kun la okupitaj regionoj de Francujo.* La germana militministerio informis la Komitaton de la Ruĝa Kruco, ke ĉiuj demandoj pri personoj restintaj en la okupitaj departementoj devas pasi tra la Ruĝa Kruco en Frankfurt; la komandantoj ne plu respondos senpere. El klarigoj donitaj de la nomita ministerio sekvas, ke la informpetoj el Francujo, transsendataj al Frankfurt, estos tradukataj germanen kaj sendataj al la okupitaj teritorioj, el kie la respondoj, redaktataj germane, estas denove tradukataj francen en Frankfurt kaj sendataj al la petantoj, pere de la Informejo, aŭ de alia similcela institucio.

La Informejo jam sendis ĉ. 200 listojn de dudeko da nomoj, klasigataj laŭ la lokoj. Nenia respondo estas ankoraŭ ricevita, sed la Informejo en Frankfurt sendube estas aranĝita por notinde plibonigi la rilatojn kun la invaditaj departementoj.

La ministerio de la eksterlandaj aferoj en Francujo metis je la dispono de la familioj korespondservon kun la okupitaj regionoj. Ĝi konsistas el slipoj, transsendataj al la ambasadoro de Hispanujo en Berlino, kiu ilin dispartigas laŭ la lokoj. La adresato respondas sur la dorso de la slipo, poste resendota al la alsendinto. Oni ne scias ĝis nun pri la rezultatoj de tiu servo, kiu verŝajne ankaŭ funkcias pere de la Frankfurta oficejo.

*Rehejmigo de la civilpersonoj.* La germana registaro estas preta rehejmigi ĉiujn civilinternigitojn, kiuj grave suferas de pulma, ventra aŭ osta tuberkulozo. Aliaj malsanoj estos ankaŭ priatentataj. Unua transporto de 235 francaj malsanuloj okazis en decembro.

Interkonsento okazis kun Germanujo pri la rehejmigo de: *a)* ĉiuj virinoj kaj infanoj (escepte, kompreneble, tiuj, dezirantaj resti); *b)* ĉiuj sanaj civilviroj de malpli ol 17 jaroj kaj pli ol 55; *c)* ĉiuj civilpersonoj malsanaj, neresanigeblaj, kriplaj, k. t. p., kondiĉe, ke ili estu nekapablaj je ĉiu ajn servado. Tiuj rehejmigoj komencos tre baldaŭ.

∴ **La poŝto de la militkaptitoj.** — La amasegoj de leteroj kaj pakaĵoj, kiuj ĉiutage superŝutas la gimnastikejon de Berna kolegio, kie estas instalita la poŝto de la militkaptitoj, plimultiĝis dum la tuta monato decembro, kaj ĉirkaŭ Kristnasko kaj Novjaro superis ĉiujn ĝis nun atingitajn nombrojn. Iam, oni elsakigis dekduojn de pakaĵoj, el kiuj ĉiu enhavis kristnaskan abieton, provizitan per ornamaĵoj kaj sukeraĵoj. Aliaj sendaĵoj entenis abian branĉon el la arbaroj de Germanujo. La nombro de tiuj ekspedaĵoj iam atingis *tridek-mil* tage.

La kaptitoj ne sole ricevis, sed ankaŭ forsendis donacojn al siaj familioj. La plimulto de tiuj sendaĵoj devenantaj el la francaj kaj germanaj kaptitejoj konsistis el poŝtkartoj kun la fotografaĵo de la sendinto. Miloj alvenis ĉiutage. Multaj kaptitoj videble alprezentis ambaŭ brakojn por pruvi al siaj parencoj, ke ili ne estas vunditaj. Aliaj kartoj enhavis bildojn desegnitajn aŭ pentritajn de la kaptitoj mem. La francaj kaptitoj en Germanujo aparte ŝatas flormotivojn, el kiuj multaj estis lerte kaj artiste kombinitaj; la germanaj kaptitoj prefere desegnas pejzaĝojn, speciale vintrajn pejzaĝojn.

Pli ol 300,000 leteroj kaj kartoj estis iafoje klasigataj kaj reekspedataj en la sama tago. La pansendaĵoj ankaŭ treege plimultiĝis. Dum decembro, pli ol 230,000 kg de pano estis ekspeditaj al francaj kaptitoj en Germanujo.

Post multaj malfacilaĵoj, fine organiziĝis regule la poŝto de la militkaptitoj inter Aŭstrio kaj Italujo. Kelkcentoj de pakaĵoj kaj ĉirkaŭ tridek-mil leteroj estas ĉiutage enregistrataj. La 29 decembro alvenis unuafoje sendaĵo el Montenegro, konsistanta el 700 leteroj kaj 300 leteroj al militkaptitoj aŭstriaj en Podgorica; ili estis datitaj je septembro.

La lasta monato de la jaro ankaŭ kaŭzis pliiĝon de la poŝtaj mandatoj. Kelkfoje oni ekspedis tage pli ol 20,000 por Aŭstrio, Britujo, Francujo, Germanujo, Italujo, Japanujo, Montenegro, Rusujo, Serbujo kaj Turkujo. Multaj urbestraroj en Francujo kaj Germanujo sendis al la kaptitoj devenantaj el sia loko poŝtmandatojn de kvin aŭ dek frankoj.



## Al niaj abonantoj

**Ĝis pliboniĝos la cirkonstancoj, nia gazeto regule aperas ĉiumonate.**

**La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**



# LITERATURO

## Instruistino

**Rusa rakonto de Teffi**

Mi vidis ŝin de longe, antaŭ dek jaroj, kaj, verŝajne, neniam rememoris pri ŝi, se ne estus okazinta instruista kongreso. En niaj urbaj vivkondiĉoj estas ja tre malmulte da io ajn tia, kio povus rememorigi pri ŝi. Nun la instruista kongreso reatentigis min pri la pasinto. Kaj jen, mi vidis ŝin antaŭ dek jaroj en malproksima urbeto dum vesperfesto ĉe loka kuracisto.

Pli vere estas diri: ne „dum vesperfesto", sed simple *vespere*, pro tio, ke la kuracisto ne invitis gastojn, kaj li eĉ ne povus ilin inviti, ĉar la tuta meblaro de lia salono konsistis nur el granda tablo, sub kiu sidis trio da infanoj.

— Ĉi tie por la infanoj estas pli gaje, kaj por niaj piedoj estas pli varme, diris la kuracisto.

Decatempe, proksimume je oka horo vespere, la infanoj foriris el sub la tablo, foriĝis en la infanejon, laŭte plorblekante. Ĉirkaŭ la tablo oni starigis taburetojn. Sur la tablon oni starigis samovaron, pecojn de bulko tranĉitajn krude kaj diversmaniere, kaj ankaŭ sukeron en la butika sako.

Oni trinkis teon kaj interparolis.

Krom la gemastroj kaj mi, tie estis ankoraŭ du homoj: urba instruisto Penkin kaj vilaĝa instruistino Lizinjo Bàbina. La instruisto Penkin estis fermita, ne parolema, kvazaŭ dormema homo.

Krom siaj profesiaj okupoj li okupiĝis ankoraŭ, tre fervore, je la preparoj al delonge projektita vojaĝo Parizon. Pro kia celo fariĝis bezone viziti Parizon, mi ĝis nun neniel povis kompreni.

Li pretiĝis al ĉi tiu vojaĝo tre strange: Li parkere lernis francan vortaron, tute ĉiujn vortojn laŭvice.

Oni demandis lin:

— Ĉu vi multe da vortoj jam lernis, sinjoro?

— Mi jam literon „p" atingis, respondis Penkin dormeme, sed honeste. „Pegàss, Pegò, Pegùz, Pen"... (Pen ruse signifas ŝtipo).

— Pen? Sed tio ĉi estas kvazaŭ ruse?

— Ne. Tio estas alia „pen", — franca.

— Kion do ĝi signifas?

— Signifojn de vortoj mi poste komencos lerni, nome, kiam mi finos la tutan vortaron. Nun jam restas malmulte. Mi do literon „p" jam atingis.

Kaj ankoraŭ poste mi ŝparos kelke da mono kaj marŝ! Rekte Parizon!

Penkin elparolis la francajn vortojn tiel rusmaniere, ke ĉiu ordinara vorto momente perdis sian francan signifon kaj akiris novan, ludeme enigman.

Kaj tie ĉi mi ekkonatiĝis ankaŭ kun la instruistino Lizinjo Babin, kiu finplenumis Peterburgan gimnazion kaj ĉeestis eĉ unu jaron ĉe la pedagogiaj kursoj.

Poste ŝi prenis la vakantaĵon de vilaĝa instruistino kaj civilizis la junularon en distanco da okdek kilometroj de la urbeto, nome en la vilaĝeto Kukazjoro, kien oni povas nek alveturi, nek alveni daŭre tutaj tri jarkvaronoj.

Dum vintro oni belmaniere veturadis en ordinaraj vilaĝaj glitveturiloj. Sed dum la aŭtuno kaj dum printempo oni tute ne veturadis.

Kaj somere la instruistino alveturadis en la urbon sur la „arĉo".

Ekaŭdinte ĉi tion, mi naive konsideris, ke nome — sur la arĉo de violono, kaj povis neniel kompreni, — kia stranga estas la maniero de veturado.

Tiaokaze, verŝajne, estus pli komforte eksidi rajde sur la saman violonon!

Poste oni klarigis al mi, ke tiel nomiĝas la sekvanta konstruaĵo: al ĉevalo alfortikiĝas du longaj timonstangoj, kies ekstremaĵoj estas kunligitaj, kaj, proksimume duonmetre de la supraĵo de l' tero, ili estas unuigitaj (kruce) per transtrabo.

Kaj jen, — sidante sur la ĉi tiu transtrabo, rajdsaltis la instruistino Lizinjo, skuiĝante kaj supersaltante, „trans ŝtiparon, trans trunkegon, trans altegan barilaĵon".

Kie por la rado estas netrapaseble, tie povas trasaltadi nur sorĉegistino sur tubbalailo, kaj instruistino Lizinjo sur la „arĉo".

La „arĉo" frapiĝas kontraŭ putraj ŝtipoj, risortas kaj suprenĵetas. Lizinjo subtiris nur sian malnovan rimenzonon pli fortike, „por ke ne ĉio intermiksiĝu interne" kaj rajdsaltis.

Ŝi rajdsaltas al la urbo nur pro unu afero: ricevi la salajron, kiun oni devus ricevi unufoje ĉiumonate, sed oni veturadas pro ĝi dufoje, ĉar la landa kaso ne havas monon.

Kaj oni tiel proponas al ŝi la salajron:

— Estus pli bone, Bàbina, se vi prenus sukeron anstataŭ monon. Ni havas multe da sukero.

— Do kion mi faros kun via sukero? Mi volas viandon.

— Sed viandon, pardonu, oni ne estas provizinta al vi. La sukeron vi povus vendi al la vilaĝanoj. Kia nepraktika junulino vi estas.

— La sukeron? Al la vilaĝa-anoj?... Do niaj kukazjoraj vilaĝanoj eĉ la salon vidas nur en sonĝo.

Rec ŝi eksidiĝas sur la „arĉon", subtiras pli fortike la zonon kaj rajdsaltas hejmen, „trans ŝtiparon, trans trunkegon, trans altegan barilaĵon".

Kiam ŝi estas en la urbo ŝi alvenas al la kuracisto; la lukso de urba vivado admirigas ŝin iom per la krude tranĉita bulko kaj per la trio da infanoj sub la tablo. Sed ŝi mem plejparte silentas, ĉar la kuracisto kaj lia edzino estas, ja, homoj observantaj vivon kaj ĉion scias.

Ili eĉ legas ĵurnalojn! Lizinjo do sovaĝiĝis. Ŝi nur aŭskultas instruiston Penkin, kiu jam la literon „p" atingis, kaj — ĉu hodiaŭ ĉu morgaŭ — ŝparos kelke da mono kaj marŝ! Parizon.

Ŝi aŭskultas kaj rememoras, kiel ŝi mem, antaŭ tri jaroj, pretiĝis vojaĝi Svisujon. Ŝi eĉ kudris katunan ŝalvaron, laŭ konsilo de spertuloj, por ke estu pli komforte iradi laŭ la montoj. La ŝalvaron ŝi tute fuŝis, vestinte ĝin por la veturadoj sur la „arĉo"

Jen sidas Lizinjo, trinkas teon. — Mi rigardas ŝin.

Kun entuziasmo ŝi parolas nur pri sia afero, kredante pri la graveco de sia tasko, pri la bezono de ŝia heroaĵo.

Ŝi eĉ kredas, ke morgaŭ matene ŝi ricevos la salajron. Kia do stranga ŝi estas, — ĉu malsaĝeta iom?

Sed la kuracistedzino havas hodiaŭ humoron skeptikan. Ŝi ĵus tralegis (en la ĵurna-alo!) ian eksterordinare talentan verkaĵon de iu nova literaturisto.

Nune, ja, — oni eĉ en la „ĵurna-aloj" komencas presi la verkaĵojn de novaj literaturistoj.

La kuracistedzino plenigis la buŝon je bulko kaj ekparolis pri la beleco.

— Je-es. La vivo de Lizinjo estas malbela, kaj homoj ne havas eĉ rajton konscie kripligi sian vivon, ĉar per tio ili kripligas ankaŭ la naturon, — sekve iras kontraŭ Dio. J-es, certe, kontraŭ Dio en estetika senco... Ĉu? kio? Jen vi mem tralegu ĉi tion en la lasta libreto...

Sed Lizinjo protestas. Ŝi estas ja profanino.

— Kaj ĉi tion parolas vi! indignas la kuracistedzino.

— Vi, estinta kursanino! Kial do ne estas al vi hontinde. Via vivo estas ja nealtigebla. La lasta vilaĝano de lasta via vilaĝeto vivas pli bone ol vi, jam tial, ke li havas kutimon al tia hunda vivo. Sed vi estas la „kursanino", — la fraŭlino!

Lizinjo subite eksaltis. Ŝia flava vizaĝo ekflamis, kaj la okuloj ekbrulis.

— Ne! Mi tiel pensis kaj tiel pensos. Kaj mia laboro estas bezona, kaj mia vivo estas bela, kaj mia heroaĵo estas sankta!

Iom poste ŝi subite paliĝis, kvazaŭ laciĝis, kaj aldonis tute mallaŭte:

— Se mi nur unu momenton ĉesos tiel pensi, tiam mi ja ne povos ĝis la morgaŭa mateno ĝisvivi. Trad.[1]: *I. V. Kazarov.*

[1] El *„Rusa Vorto"*.

# H. Bolingbroke Mudie

Vidante tiun funebran kadron kaj, supre, la nomon de la amata kaj senlaca pioniro, la leganto eksentos korbaton. Ĉu vera tia malfeliĉego?

Ho ve! tro vera estas la terura novaĵo. Nia kara Prezidanto, nia plej agema kaj populara kunbatalinto, H. Bolingbroke Mudie, estis trafita de la morto, ĉe aŭtomobilakcidento okazinta la 6 januaro, en la regiono de Rouen.

La perdo de tia entuziasma kaj grandkora samideano estas doloriga frapo por nia tuta movado, ĉar Mudie estis konata ne sole kiel fervora propagandisto en Britujo, sed ankaŭ pro sia grava internacia rolo, kiel organizinto de la Tria Kongreso, kiel unu el la ĉefpersonoj de preskaŭ ĉiuj kongresoj, kiel Prezidanto de UEA.

Naskiĝinte la 30 januaro 1880, Bolingbroke Mudie fariĝis Esperantisto en oktobro 1902. Li tuj entuziasmiĝis por nia afero kaj baldaŭ fariĝis unua sekretario de la Londona Esperantista Klubo. Je tiu epoko, nia lingvo estis ankoraŭ tre malmulte disvastigata en la anglolingvaj landoj. Mudie fondis la unuan gazeton, „The Esperantist", kiun li lerte redaktis dum du jaroj ĝis ĝia kuniĝo kun „The British Esperantist". En 1904 li partoprenis en la kunvenoj de la Esperantistoj, kiuj okazis en Calais kaj Dover, el kiuj rezultis la propono, aranĝi ĉiujaran kongreson.

En 1907, kiel ano de la fama Trio por la Tria, li laboris pri la aranĝo de la Tria Universala Kongreso en Cambridge. Lia organizkapablo kaj praktika talento triumfis super ĉiuj malhelpoj. La Kongreso estis plena sukceso, kaj nedubeble ĉiuj partoprenintoj je tiu grandioza manifestacio kaj je la poste okazintaj festoj en Londono konservis el la tie travivitaj tagoj neforgeseblan impreson. Mudie estis ĉion antaŭvidinta, ĉion prizorginta por la komforto kaj plezurigo de la ĉiulandaj gastoj. Plie, ne forgesante, ke Esperanto estas antaŭ ĉio internacia, li estis klopodinta por ke en ĉiu pensiono aŭ privata domo, ĉe kiu loĝis kongresanoj, estu diversnaciaj Esperantistoj. Sidante ĉe la komuna tablo por la riĉenhava brita matenmanĝo, oni havis kiel najbarojn francon, anglon, germanon, ruson, polon, tiel, ke ĉiu estis nepre devigata uzi Esperanton, kaj havis okazon persone konatiĝi kun alilanduloj. Ho, feliĉa epoko, kiam homoj el ĉiuj nacioj povis ankoraŭ home interrilati! Ĉiu ankaŭ rememoras pri la ĉiutagaj komunaj manĝoj en vasta halo, kie pli ol mil kongresanoj trovis lokon kaj rapide estis servataj en plej granda ordo.

Bolingbroke Mudie partoprenis en niaj ĉiujaraj kongresoj — krom tiuj en Usono kaj en Bern — kaj, en ĉiuj, li utile helpis por la organizo, kies mankojn li sciis facile forigi aŭ almenaŭ forgesigi pro lerta aranĝo improvizita sub lia gvidado. Je diversaj okazoj, speciale antaŭ kaj post la kongresoj en Dresdeno, Barcelono, Antverpeno, kaj Krakovo, li organizis ekskursojn tre ŝatatajn. Bonega karavanestro li estis, ne sole ĉar kiel vojaĝemulo li havis multe da sperto, sed ankaŭ ĉar li posedis tiun moralan aŭtoritatecon, tiun personan prestiĝon, kiuj estas necesegaj por gvidi kaj kunteni turistaron ofte movatan de kontraŭaj deziroj kaj inklinoj. Majstro li estis en ĉi tiu arto — pli malfacila ol kredas la profanoj — kiu postulas energion, bonkorecon, kompetentecon, kaj tiun misteran „ion", dank'al kiu oni obeas kun plezuro. Kiu ne rememoras lin, kun la verdrubanda ĉapelo, senceremonie almetita, la helkolora vestaĵo kun la poŝo plena de ŝlosiloj diverslingvaj, kaj en la mano la fajfilo, je kies alvoko ĉiuj „ŝafoj" alkuris, senzorgaj pri la vojaĝmalfacilaĵoj, ĉar „Mudie estas tie"!

Propagandisto li estis en la animo. Li neniam preterlasis la okazon por paroli pri nia afero, enmanigante ĉi tie kaj tie ŝlosilojn kaj propagandilojn. Li sciis sin aŭskultigi, kaj li certe varbis tiamaniere multajn personojn. En Britujo mem, li estis senlaca. Kiom da paroladoj li faris, ĉiam vivoplena, bonhumora, senpoza, optimista, silentigante la dubemulojn per sia devizo: „Havu fidon!"

De post 1912, li estis Prezidanto de la Brita Esperanto-Asocio, al kiu li faris nekalkuleblajn servojn, ĉu pri propagando, ĉu pri administrado kaj financa mastrumado.

En 1908, dum grava krizo de nia movado, UEA fondiĝis meze de grandaj malfacilaĵoj. Ĝiaj fondintoj skribis al Bolingbroke Mudie por proponi al li, kiel senpartia kaj de ĉiuj respektata samideano, la prezidantecon de nia juna kaj malforta Asocio, pri kiu ekzistis kelke da malkompreniĝoj, kiel estas memkompreneble en komenca periodo. Leginte niajn klarigojn kaj konatiĝinte kun niaj planoj, li tuj, senhezite, skribis sian konsenton kaj esprimis sian plenan aprobon. Li do fariĝis Prezidanto de UEA kaj ĉiam restis fervora, sindonema amiko de nia Asocio, kiun li subtenis morale kaj, ofte ankaŭ, je kelkaj gravaj okazoj, materiale. Li prezidis la kunvenojn kaj kongresojn de UEA en Barcelono, Dresdeno, Augsburgo, Antverpeno kaj Krakovo. Modela prezidanto li estis. Por instrui la malfruulojn, li ĉiam komencis la kunvenojn je la precizega anoncita horo, kiom ajn estis la nombro de la ĉeestantoj. Li sciis klarigi la debatojn kaj malhelpi, ke ili deflankiĝu, ĝustatempe traktigi tagordon en la fiksita tempo, kaj residigi la babilulojn, ĉu per trafa rigardo al la poŝhorloĝo, ĉu per mansigneto esprimoplena. Kaj ĉiuj lin amis kaj respektis.

Lia firmeco en la agado kuniĝis je interkonsentemo kaj modereco en la diskutado. Kiel Prezidanto li ĉiam sciis resti senpartie super la malkonsentoj kaj partietoj, rememorigi pri la celo komuna al ni ĉiuj, substreki tion, kio nin unuigas, kaj forigi tion, kio dividas.

Nun, tiu fidela kaj nobla viro jam ne estas. Sed, kvankam frue tranĉita, lia vivo ne estis senutila. Li sindoneme laboris por alta idealo, li estis bona servanto de l' tutmonda progreso, kaj antaŭ ĉio, li estis unu el tiuj estaĵoj, pri kiuj oni rajtas diri: „Jen estas homo!"

Ekzemplo li estu por ĉiuj restantoj, kiuj neniam forgesos lian fruktodonan agadon. *H. Hodler.*

**La akcidento**

Je la komenco de la milito, S-ro H. Bolingbroke Mudie aliĝis al la brita armeo; lastatempe li estis elektita kiel kapitano. Li sin okupis pri la ĉevalproviza fako.

Jen en kiuj cirkonstancoj okazis la terura akcidento: S-ro Mudie kun du akompanantoj reiris aŭtomobile al sia tendaro, la 6 januaro je la naŭa vespere. Antaŭ fervoja trapasejo de la linio Rouen—Serqueux ĉe vilaĝo Lépinay la aŭtomobilo devis halti pro anoncita vagonaro. Tiu ĉi pasis, kaj la vojgardisto levis la barilon, sed je la momento, kiam la veturilo ekkuris, pasis dua vagonaro, kiu trafis ĝin. La aŭtomobilo estis dispeciĝita. S-ro Mudie kaj la gvidanto estis tuj mortigitaj; la alia akompananto, kolonelo, estis tre grave vundita.

Ĉe la enterigo ĉeestis S-ro Harrison Hill, la konata brita Esperantisto, kiu tiam estis en tiu regiono.

S-ro Mudie havis ankoraŭ siajn gepatrojn, kies amata solfilo li estis, kaj por kiuj, ĉiuj Esperantistoj havos tutkoran simpation.



† Harold Bolingbroke Mudie
Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio kaj de Brita Esperanto-Asocio

## Kondolencaj esprimoj

La *Mezlanda Esperantista Federacio* sciiĝis kun grandega bedaŭro pri la morto de Sinjoro Kapitano H. Bolingbroke Mudie, Prezidanto de la Universala Esperanto-Asocio kaj la Brita Esperantista Asocio. Ĝi opinias, ke lia morto estos neforigebla perdo, ne nur al la brita, sed ankaŭ al la tutmonda Esperantistaro.

Ĝi sendas siajn korajn kondolencojn kaj sinceran simpation al liaj parencoj.

La *Edinburga Esperanto-Societo*, sciiĝinte kun profunda doloro pri la akcidenta morto en Francujo de Kapitano Harold Bolingbroke Mudie, deziras esprimi sian sinceran simpation kun liaj estimataj gepatroj en ilia granda perdo, sian altan ŝaton de liaj longedaŭraj kaj entuziasmaj servoj, kaj sian profundan senton de la grava perdo de la tuta Esperantistaro per lia frua morto, kaj precipe de tiuj organizaĵoj, kies Prezidanto li estis — la Brita Esperantista Societo kaj la Universala Esperanto-Asocio.

La membroj de la *Bradforda Esperantista Societo* esprimas sian profundan ĉagrenon je la morto de Kapitano H. B. Mudie, la Prezidanto de Universala Esperanto-Asocio kaj British Esperanto-Association, sentante, ke la homprogresa movado en la tuta mondo ricevas preskaŭ neripareblan perdon pro la antaŭtempa morto de tia brila kaj agema laboranto.

* * *

La C. O. de UEA tutkore dankas la personojn, kiuj bonvolis, telegrafe aŭ letere, alsendi la esprimon de sia simpatio okaze de la grava perdo, kiun suferas nia Asocio.

# Bileto de blankbarbulo

## *Stoikaj paĝoj*

*al militkaptita filo*

*Je ĉiu horo pripensu fortike, kiel Romano kaj kiel viro, tion fari, kion vi havas en manoj, kun akurata kaj simpla seriozeco, kun koramemo, kun libereco, kun justeco, forigante de vi mem ĉiujn aliajn pensojn. Kaj vi forigos ilin, se vi plenumos ĉiun agon, kiel la lastan en via vivo, sen ia rapidemo, sen ia kontraŭracia pasio, sen ia kaŝemo, sen ia memamo, sen ia ribelo kontraŭ la sorto.*

*La daŭro de la vivo de l' homo? punkto; lia substanco? fluo; lia sentpovo? mallumo; la tuto de lia korpo? putrebla kunmetaĵo; lia animo? turniĝado; lia destino? enigmo; lia famo? dubaĵo; — unuvorte: lia tuta korpo, fluaĵo; lia tuta animo, sonĝo kaj fumo; lia vivo, milito aŭ haltado de vojaĝanto; lia postmorta gloro, forgeso. Kio do estos nia kondukanto? Nur kaj sole la filozofio.*

*Ĝi konsistas en tio: ke nia interna genio (demono) restu for de ĉiu insulto, de ĉiu difekto, supera je ĉiu plezuro aŭ doloro — ke ĝi agu nek senelekte, nek false, nek malsincere, — ke ĝi ne zorgu pri tio, kion faras aŭ ne faras la aliaj — kaj ankaŭ, ke ĝi konsentu pri ĉio, kio okazas, kio nin trafas, kiel devenanta el la sama loko, el kiu ni mem venas.*

*La diaĵo, kiu estas en vi, estu la gvidanto de vira, spertplena estaĵo, de civitano, de Romano, de estro, kiu sin mem disciplinigis, kiel soldato ĉiam preta, kiam sonos la forirsonorado, eliri el la vivo ne bezonante promeson aŭ atestanton. Tiel vi trafos la animan sennubecon, flankelasante la helpon de la aliaj, la kvietecon, kiu venas de la aliaj. — Ni devas stari rektaj, ne rektigitaj.*

*El* Marko Aurelio.
*Trad.:* Th. Cart.

*En la lasta Bileto, 11a linio, oni bonvolu legi* „senkolere" *anstataŭ* „*sentolere*".

## KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

### Aŭstrio-Hungario.

*Wien:* La Aŭstria Katolika Ligo Esp. ĉe sia ĝenerala kunveno elektis sian estraron. Okazas kurso por komencantoj kaj por perfektiĝantoj.

### Britujo.

*Eccles:* La 32a kvaronjara konferenco okazis en la urbdomo la 15 januaro. La urbestro bonvenigis la federacianojn per tre favora parolado. La prezidanto sciigis pri la bedaŭrata morto en Francujo de Kapitano H. B. Mudie, prezidanto de la Brita Esp. Asocio. La sciigo faris profundan impreson, kaj oni stare montris sian simpation kaj sendis leteron al la gepatroj esprimantan la grandan doloron, kiun oni sentas pro lia neatendita morto. La konferenco estas unika pro tio, ke oni gastis la geurbestrojn kaj la eks-urbestron, kiuj entuziasme priparolis la valoron de nia kara lingvo, kaj promesis fari ĉion eblan por antaŭenpuŝi le aferon ĉe la loka edukada komitato. — *London:* La Esperantistoj kune vizitis la muzeojn Victoria kaj Albert, kaj je alia fojo la Britsh Museum. S-ro B. E. Long paroladis pri Esp. kaj Ruĝa Kruco ĉe la Furness Lernejoj. — *Rock Ferry:*

S-ro Jackson Coleman paroladis pri Esp. kaj la Esp. Kongresoj. — *Southport:* Okazis sukcesa vesperfesto, ĉe kiu F-ino Iddon paroladis pri nia lingvo. — *York:* Malgraŭ la milito, la grupo kontentige progresas; S-ro D-ro Pollen devis fari paroladon en januaro. — *Ystalyfera* (Wales): S-ro W. H. Harris faris paroladon.

## Francujo.

*Paris:* La 9 januaro okazis kunveno ĉe la Centra Oficejo; ĉeestis ĉ. 50 fervoruloj, i. a. libertempaj soldatoj. Ĉe la proksima kunveno (6 februaro), S-ro prof. Duvlard faros paroladon.

## Italujo.

*Marsala:* S-ro L. S. Bilardello, Del., fondis Esp. Grupon, kiu jam kalkulas 20 membrojn. La estraro konsistas el S-roj L. Bilardello, prez., kaj N. Almanza, sekr. La estraro de la Esp.-Oficejo estas la sama.

## Nederlando.

Komence de 1916 aperis semajna gazeto por propagando de Esp. en nederlanda lingvo, titolita „Semereto". Redakcio kaj administrejo: P. A. Schendeler, Maria Heide, Veghel. — *Hago:* Ĉe la grupo „Fine ĝi Venkos" S-ro H. F. Pothast paroladis pri la urbo Luik (Liége) kaj S-ro W. F. Lutter pri la komerco en Indio. — *Rotterdam:* S-ro Huessen faros propagandan paroladon ĉe Skoltoj kaj intencas aranĝi kurson.

## Portugalujo.

*Lisbono:* Estis tre bone festigata la 15 decembro, naskiĝa datreveno de Zamenhof. Preskaŭ ĉiuj gazetoj publikigis bonajn artikolojn pri tiu fakto, kaj unu grava ĉiutaga jurnalo eĉ publikigis lian fotografaĵon. Nokte okazis tre bonaj kunvenoj en Lisbona Esp. Societo kaj en Lisbona Esp. Grupo. Ĉe la unua prezidis D-ro Ladislaŭ Picarra, kiu ankaŭ tre entuziasme paroladis pri Esperanto kaj Pacifismo; poste parolis S-roj Saldanha Carreira, Martins d'Almeida kaj Duarte Rodrigues. S-ro Martins d'Almeida, nia Delegito, parolis Esperante. UEA estis oficiale reprezentata. Oni disdonis ĉe teatroj, kafejoj, kinematografejoj, k. t. p. specialan numeron de gazeto, eldonita de Lisb. Esp. Societo. Ĉe la Lisbona Grupo prezidis S-ro Roberto Moreton, kiu ankaŭ paroladis pri „La traduko de idiomaj esprimoj". S-ro Rodolfo Horner, nia konsulo por Turismo, parolis pri „La vizio de Zamenhof" kaj S-ro Eduardo Moreira pri „Esperanto kaj latina lingvo". Oni ludis muzikon kaj recitis poeziojn. UEA estis reprezentata.

## Rusujo.

*Astraĥan:* Okazis parolado ĉe la nova komerca lernejo. Ĉe la komercaj klasoj malfermiĝis novaj oficialaj kursoj. Kurso ankaŭ funkcias ĉe la gejunula Esp. gimnastika rondo „Sparta". — *Moskvo:* La fame konata Prof. ĉe la Pariza Medicina Fakultato, S-ro Richet, Nobelpremiulo, vizitis la Esp. societon. Estis aranĝita speciala fondo por sendo de propagandiloj kaj lernolibroj al militkaptitoj. Speciala kunveno estis aranĝita por memoro al Leo Tolstoj, sub la prezido de Prof. Brandt; paroladis S-roj Basov kaj Vinogradov; estis legitaj fragmentoj de Esperantaj tradukoj el verkoj de Tolstoj. Formiĝis nova Esp. grupo ĉe la kvina Moskva gimnazio. — *Petrogrado:* Ĉe la Virina Politeknika Instituto, S-ro V. A. Dmitriev raportis pri Esp. kaj Tekniko; sekvis viglaj debatoj. Multaj aŭskultantinoj enskribiĝis en la novapeninta rondeto ĉe la sama Instituto, kie F-ino Ŝiŝko gvidas kurson. Malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj la Esp. Grupo ĉe la Teknologia Instituto funkcias normale. F-ino Goldberg organizis kurson por studentoj ĉe la Psikoneŭrologia Instituto. — *Tiflis:* Tridek lernantoj partoprenas la kursojn lerte direktatajn de S-ro P-ro A. Fiŝer.

## Svedujo.

*Stockholm:* Okazis en Stockholm publika parolado pri Svisujo kaj la Esp. kongreso en Bern farita de la sekretario de „Verda Stelo", S-ro Teodor Rosengren. La parolado estis ilustrata per multe da ĉarmaj, belege kolorigitaj lumbildoj kaj estis rekompencata per viva, danka aplaŭdado. La sukcesplena propaganda kunveno estis aranĝita de la bontemplanoj (J. O. G. T.) en Stockholm. Novaj kursoj komenciĝos.

## Svisujo.

*Bern:* En la Varietea Teatro oni propagandis por Esp. ĉiutage per lumbildo dum tuta monato. La grupo kunvenas ĉiumonate en Hotel Modern, Spitalgasse 9. La trian merkredon de ĉiu monato okazas literatura vespero. — *Lyss:* La estraro de la grupo estas elektita jene: Prez.: E. Scheurer, Del.; vicprez.: S-ino M. Wild; kas.: S-ro F. Müller; sekr.: F-ino K. Billeter; bibl.: S-ro E. Steiner. La regulaj kunvenoj okazas dusemajne kaj estas ĉiam bone vizitataj.

## Argentino.

*Buenos-Aires:* S-ro A. Villafranca, Del., malfermas ĉiutrimonate novan kurson ĉe la sidejo de Casals Catalá; ĉiuj personoj dezirantaj havi korespondantojn en Buenos-Aires, skribu al Esp. Grupo Casal Catalá, 782, San Juan.

## Usono.

*Boston* (Mass): S-ro G. W. Lee, prez. de la Bostona Esp. Societo, faris publikan paroladon en la Urba Biblioteko, sekve de kiu multaj novuloj estas gajnitaj al nia afero. — *Gloucester* (Mass.): Per la senlacaj penadoj de F-ino J. M. Leach, fine oni organizis kurson. — *Little River* (Kans.): S-ro Allan Finlayson, estro de la tiea lernejo, donas ĉiutagan instruadon en Esp. al la tuta lernantaro. — *Philadelphia* (Pen.): La Pennsylvaniaj samideanoj antaŭ nelonge havis serion de kunvenoj, pli ol ordinare interesaj kaj entuziasmaj. Oni festis la okan jaron de la daŭra ekzistado de la Ŝtata Asocio, kiu estis unu el la unuaj organizoj por propagandi Esp. en Usono kaj ankaŭ unu el la pli grandaj kaj prosperaj.

---

# DIVERSAĴOJ

∴ **La plej bona komentario de la Malnova Testamento.** — En „The Esperanto Monthly" ni trovas la jenan rimarkindan juĝon el la plumo de angla pastro:

„La partojn de la Malnova Testamento, kiuj jam estas esperante tradukitaj, mi legis kun multe da plezuro kaj kun granda utilo. La eltrovinto de Esperanto estas Izraelido, Hebreo kun larĝa kompreno kaj vastaj ideoj, kio estis grandega profito por la Esperantista movado. Jam frue D-ro Zamenhof komencis traduki kaj publikigi kelkajn el la plej konataj libroj de la Malnova Testamento, el la hebrea lingvo, kaj iom post iom la ebleco de plena Esperanta Biblio alproksimiĝis al realaĵo. La Esperantistoj povas prave ĝoji, ke estis al li eble fini tiel multe kaj vidi la plenan finon tute proksime. Estus grava afero, se la verko estus kompleta, ĉar la traduko estas rimarkinde bona. Antaŭ multaj jaroj mi estis ekzamenisto de hebrea lingvo ĉe unu el niaj universitatoj, kaj mi scias, kiel estas malfacile precize redoni la sencon de multaj hebreaj vortoj, kaj same mi scias, ke multaj hebreaj frazoj kaj esprimoj estas ankoraŭ nun neklaraj al nia okcidenta kaj kristana kompreno. Siatempe mi studis ĉiutage ĉapitron el la Esperanta Biblio, kaj ĉiam mi estas pli kaj pli dankema esti konatiĝinta kun Esperanto. Mi kredas, ke neniam mi leviĝis, leginte ĉapitron de la Biblio, ne gajninte plian klarecon pri iu frazo aŭ vorto aŭ senco de esprimo, kiu antaŭe estis al mi vualita. Mi konfesas, ke la zorgema legado de la Esperanta teksto estis al mi pli valora ol la uzado de multaj komentarioj. Tio, kion la leganto deziras scii, estas la preciza senco de la originalo; kaj mi vidis nek anglan nek alian tradukon, kiu donis al mi tian konvinkon, ke mi trovis la veran opinion de la inspirita aŭtoro, ol la Esperanta traduko. La Zamenhofa verko estas la plej mallonga kaj la plej bona komentario de la Malnova Testamento, kiu iam venis en miajn manojn. — Rev. *J. Beveridge*, B. D., A. K.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Al niaj membroj.** — La kotizaĵo por la administra jaro 1 novembro 1915 ĝis 31 oktobro 1916 estas pagebla, kiel kutime, al la Delegitoj aŭ, kie ne estas, al la Centra Oficejo. Membroj: 2.50 Fr. Subtenantoj: 5 Fr.

Membroj kaj Delegitoj loĝantaj en Rusujo povas pagi al nia Del.: S-ro S. Szabunievicz, 2, Bankovskij, Moskvo.

Ĉiuj membroj repagintaj la kotizaĵon por 1916 ricevos provizoran membrokarton kiel kvitancon.

La Oficiala Jarlibro 1916 estas en presado kaj estos sendata al la repagintoj dum februaro. Ĝi formos volumon de ĉirkaŭ 130 paĝoj kaj, krom la kutima adresaro, enhavos enciklopedieton kun diversaj informoj de nuntempa intereso.

Ĉiuj membroj estas petataj sendi sian kotizaĵon kiel eble plej baldaŭ. Dum la nuna malfacila tempo, la subtenado de ĉiuj fidelaj Esperantistoj estas pli necesa ol iam. Postmilita agado estos ebla nur se dum la milito niaj organizaĵoj estis sufiĉe fortaj por travivi ĝin kaj rezisti al la eksteraj batoj de l' sorto.

**Garantia kapitalo.** — En la decembra N-ro de *„Esperanto“*, paĝ. 142 (10), ĉe tiu sama rubriko, estis erare presite, ke restas vendeblaj ankoraŭ 9 atestoj. La vera nombro estas **7**.

Ĝis la 15 januaro estas entute 124 Garantiantoj mendintaj 193 atestojn, valoro 24,125 frankoj.

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.].

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro, kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al *„Esperanto“*.

**Kotizaĵoj por 1916.** — Je la 30 decembro estis enkasigitaj 414 kotizaĵoj (el kiuj 30 subtenantoj). Krom tio, estas 144 dumvivaj membroj. Sume: 558. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 16.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato decembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 1,466 | 1,680 |

*Tuta sumo:* 3,146. (Antaŭa monato: 3,116.)

### Novaj Delegitoj.

*Doetinchem* (Nederlando, Gelderland). — D.: Anthony C. Bakels, Hotel Zwijnshoofd.
*Linares* (Hispanujo, Jaén). — D.: S-ro Francisko Guirado, pastro, 10, Cervantes.
*Little River* (Usono, Kansas). — D.: S-ro Allen Finlayson, instruisto.

### Ŝanĝoj.

*Firenze* (Italujo). — VD.: S-ro Corrado Grazzini, oficisto, 6, via de Neri.

Provizore ne plu estas Delegitoj en jenaj regionoj: *Balaŝov* (Rusujo); *Moergestel* (Nederlando); *South Brisbane* (Aŭstralio).

### Adresŝanĝoj.

*Amsterdam* (Nederlando). — VD.: S-ro C. J. Horst, Madurastr. 6, II.
*Bahia* (Brazilujo, Salvador). — D.: S-ro J. M. de Souza, 8, Areial de Baixo.
*Moskvo* (Rusujo). — D.: S-ro St. Szabuniewicz, 2, Bankovskij.
*Warrington* (Anglujo, Lancashire). — D.: S-ro J. S. Smith, komizo, 62, Willis Street.

# Alvokoj

## Paroladoj pri Serbujo

Tutmonda milito kaj Serbujo estus priparolita de S-ro Andonović, universitat. prof., kiu lastatempe retiriĝadis kun la serba armeo de Belgrado ĝis Brindisi. Grupoj, kiuj dezirus aŭskulti tiun parolanton, skribu al S-ro Andonović, UEA, 10, rue de la Bourse, Ĝenevo (Svis.). La elspezoj por la vojaĝo k. t. p. estos divideblaj inter la grupo kaj parolanto.

## Pri la lernado de Esperanto

Mi dezirus fari enketon pri la jenaj demandoj:

1e Je kioma aĝo la infanoj kutime lernas Esperanton en la lernejoj? En kiujn lernejojn ĝi jam estas enkondukita.

2e Je kioma aĝo estas preferinda la lernado de Esperanto, en malpli aĝa, en mezaĝa aŭ en pli aĝa?

3e Kiam estas preferinda lernado de Esperanto, antaŭ la lernado de eksterlandaj lingvoj aŭ samtempe.

Respondojn oni sendu al:

*Sergio Kuznecov,*
Plotniĉnij per. d. 26, *Niĵni-Novgorod* (Rusujo).

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Challaz,** el Orange (Franc.).
**Gallandt,** el Berlin (German.).
**Garnier,** el Gimeux-Cognac (Franc.).
**Maris,** el Le Mans (Franc.).
**Ménager,** el Le Mans (Franc.).
**Sagner,** el Berlin (German.).

* * *

Kun granda bedaŭro ni eksciis la morton de S-ro **Alexandre Fabre,** Vicdelegito de UEA en Toulon, de la fondiĝo de nia Asocio. Eks-Volapükisto, li estis aliĝinta al Esperanto je ĝia enkonduko en Francujon, kaj li nelacigeble propagandis nian lingvon en ĉiuj lokoj, kie lin vokis lia instruista profesio. Veninta en Toulon je 1907, li multe helpis je la disvolviĝo de la ĉi-tiea grupo kaj donis al nia movado novan impulson. Li postelasas unuanimajn bedaŭrojn en la Provenca Esperantistaro kaj speciale ĉe la Grupo de Toulon, kie li plenumis la taskon de sekretario kun sindonemo kaj mildeco, kiuj lin amigis de ĉiuj.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu informi nin pri ĉiuj samideanoj mortintaj dum la milito kaj ne ankoraŭ anoncitaj en la tie ĉi publikigitaj listoj.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dek-tria listo*

*Böning, B.*, Del., Bremen, en Le Havre (Franc.).
*Kaplan, Josef*, Del., Libau, civilkaptito 880, Baracke 10, Lager Lauban (German., Schlesien).
*Kuberski, Bruno*, el Bochum, 3e Comp., Camp de Carpiagne par Cassis (Franc., Bouches-du-Rône).
*Tiščenko, Simon Ivanović*, el Rusujo, militkaptito 11,989, 7. Inspektion, Bulow (German., Pommern).

* * *

S-ro *Karl Küster*, el Magdeburg (German.), malaperis en Souchez la 29 oktobro 1915.

S-ro *Nal*, el Orange (Franc.), malaperis en Luyghem (Yser) la 9 novembro 1915.

S-ro *Pezé*, el Paris, malaperis dum decembro 1914.

* *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero*. PK = *poŝtkarto*. PI = *poŝtkartoj ilustritaj*. PM = *poŝtmarkoj*. bfl = *poŝtmarko sur bildflanko*.

ASTRAĤAN (Rusujo). — F-ino L. Alaĝeva, instruistino, Kutum d. Nasledn, Gubina, L, PI.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ino O. Sariĉeva, 3 uĉ., Staro-Kuzneĉnaja., d. Dmitrjeva, L, PI.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro F. Kulagin, kontora Gubkina-Kuznecova, L, PI, PM.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro M. Kabakov, 65, Bakaldinskaja, L, PI, PM.

ASTRAĤAN (Rusujo). — S-ro Rodionov, Tamojnja, L, PI, PM.

BLAGOVESĈENSK AMUR (Rusujo, Sib.). — Anoj de Blagovesĉenska societo Esperantista kaj kursanoj (kun aliurbaj kaj alilandaj gesamideanoj, pri diversaj temoj).

BOBRUJSK (Rusujo, Minsk. gub.). — S-ro V. Dobrovolskij, 8, Dmitrievskaja, PI kaj jurnaloj.

BOBRUJSK (Rusujo, Minsk. gub.). — S-ro E. Valkovskij, Muravjevskaja, PI, PM (ĉiam respondas).

BUENOS-AIRES (Argentino). — Esperanta Grupo Casal Catalá, 782, San Juan.

BURNLEY (Anglujo, Lancash.). — S-ro Fred Willan, 2, Bromsgrove Rd. (kun fraŭlinoj de ĉiuj nacioj pri literaturo, politiko kaj religioj), L.

CHICAGO (Usono, Ill.). — S-ro F. J. Kovarik, 2502, S. Kedzie Ave.

DELPHOS (Usono, Ohio). — S-ro Hugh. R. Hick, estro de alta lernejo, L, PK (pri eduko, kun neusonaj geinstruistoj).

LUGANO-MASSAGNO (Svisujo). — S-ro Benicchio Alessandro, PI (kun ĉiuj en la tuta mondo).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Emilio Cambralla, 1576, strato Piedad, PK (prefere vidaĵoj pri urboj; kun alilandanoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. M. Ŝigarev, 12, Bolŝaja spasskaja, kb. 8, PI, L.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro L. A. Vislouĥ, Rostokinskaja Zemskaja bolnica, PI (precipe kun eksterlandanoj).

MOSKVO (Rusujo). — S-ro M. Fedorov, Vasiljevskaja ul. Glazovskij tupik 4, kv. 23, PI, L.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. A. Flink, 10, Bolŝaja Sakimanka gimnazio, PI, L, PM (bfl).

ORLÉANS (Francujo, Loiret). — S-ro Gaston Boutet, surveillant, Orphelinat Serenne.

PÉRIGUEUX (Francujo, Dordogne). — S-ro Maurice Mauzonand, 22, rue Louis Blanc, PI, PM (kun eksterlandanoj; ĉiam respondos).

ST-GENIS-LAVAL (Francujo, Rhône). — S-ro Charles Despeyroux, PM (kun komencantaj kolektistoj de aliaj landoj).

TAŜKENT (Rusa Centra Azio). — S-ro N. Rudnickij, poŝtoficisto, L, PK, PI, gazetoj, jurnaloj. (Ĉiam respondos.)

TJUMENJ (Siberio, Tobolsk. gub.). — S-ro Nikolaj Sartakov telegrafa kontoro, PI, L, PM.

VORONEĴ (Rusujo). — S-ro A. Sidorov, Gruzovaja ul. 7, PI, L, PM, Esp. gazetoj (kun ĉiulandaj samideanoj; ĉiam respondos).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

INFORMPETO. — F-ino G. Gérard, dummilita Del. de UEA en Paris, petas informojn de kaj pri sia serba amiko Klajiĉ. Li aŭ iu, kiu scias ion pri li, skribu al: 9, rue d'Armaillé, Paris XVII.

SCIIGO. — S-ro F. Müller, apotekisto en Lyss (Svislando), petas ĉiun samideanon, germanan aŭ francan, al kiu eble estos sciigi S-inon Elisa T. Kint (6, rue de Valenciennes aŭ 33, rue Pruvost en Fives, *Lille*), ke ŝia edzo kaj ŝiaj du filoj bone fartas kaj sendas al ŝi koregajn salutojn. S-ro Müller akceptos volonte novaĵojn pri S-ino T. Kint.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO